# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIª, XVII.)
CAMOENS


**3a jaro AŬGUSTO 1933 N-ro 28**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089





TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 10 de julio de 1933, en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10 - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

El presidente abre la sesión: se lee el acta del día 12 de junio último, y es aprobada unánimemente.

Con igual unanimidad se aprueba conceder al Congreso de Santander la subvención de 200 pesetas, como acostumbradamente se viene haciendo.

Se lee el balance trimestral de cuentas, presentado por el tesorero D. Julián Sosa, y el presupuesto para llenar todas las necesidades de la Asociación hasta fin del año en curso, aprobándose uno y otro en igual forma.

Se acuerda, de la misma manera, pedir al Comité Central Internacional del Movimiento Esperantista sea concedido a la Asociación organizar para 1935, y en Madrid, el Congreso Universal de Esperanto, haciendo presente las razones y derechos que asisten a la Asociación, y que con todo interés se relacionaría con la Federación Esperantista Catalana para conseguir el mayor éxito y esplendor de un antecongreso o postcongreso en Barcelona.

Puesta de manifiesto la gran labor que los empleados de la oficina de H. E. A. vienen realizando, se propone dar a cada uno de los dos empleados una gratificación extraordinaria de 75 pesetas. El Sr. Martín argumenta en contra; y puesto a votación lo propuesto, se acuerda la concesión, con el voto en contra del Sr. Martín.

Se acuerda por unanimidad expresar haber visto con satisfacción el resultado del cursillo de maestros nacionales en Madrid y Zaragoza, y rogar a D. Víctor O. de Allende informe quiénes fueron los designados como resultado del cursillo de Bilbao, cómo se desarrolló éste, y que remita el duplicado recibo de cada interesado por las 400 pesetas de auxilio de viaje, más la tarjeta de congresista, puesto que dichos recibos han de ejercer sus efectos: uno, en petición al Ministerio de Instrucción pública para que éste nombre a D. Sidonio Pintado, miembro del Consejo Nacional de Cultura, delegado oficial del Ministerio al Congreso y guía del grupo de maestros que al Congreso son enviados; otro, para que sirva de comprobante al rendir las cuentas anualmente en justificación del empleo de la subvención recibida.

Y no habiendo más asuntos de que tratar, se levantó la sesión a las veinte y quince de dicho día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

Asistieron: el tesorero D. Julián Sosa, que representaba a don José Perogordo; el bibliotecario D. José Buzón, el vocal de Castilla la Nueva D. Carlos de San Antonio, el presidente y el vicesecretario.

---

# RAPORTO PRI LA AGADO DE LA KOMITATO

*De H. E. A. de majo de 1932 ĝis aŭgusto de 1933*
*(Por antaŭa kono ĉies oni publikigas la Raporton submetotan al la X.a Kongreso.)*

Ĉiuj membroj de H. E. A. tute bone scias pri la laboro efektivigita de la Asocio kaj de tiu de ĝia Komitato ĉar konstante nia oficiala organo aperigis ĉion pri la laboro, eĉ per apartaj presaĵoj oni pritraktis kaj diskonigis kelkajn aferojn tute detale; tiel, do, ĉi tiu Raporto, kiu, laŭ la Regularo devas esti konciza, estas rememorigilo refreŝiganta la konojn de la kongresantaj samideanoj.

Estis unua kaj ĉefa laboro de la Centra Direktanta Konitato plenumi la Konkludojn de la lasta Kongreso, laŭ ilia plej granda graveco kaj ordo vilate al la dato eĉ momento kiam ilin voĉdonis, efektiviginte tiujn konkludojn pri gratuloj, dankesprimoj kaj petoi tuje laŭ eblo. Tial estis la unua grava entrepreno efektivigi la novan Regularon kaj sekve plenumante ĉi tiun, kompleti la Direktantan Komitaton, opiniante ke, tion fari, estis meti la Asoción en regulan kaj leĝan vojon; tial oni nomis la novajn postenulojn kaj oni petis la membrojn de H. E. A. ĉe la diversaj regionoj por ke ili sin decidu siajn regionajn Voĉdonantojn ĉu pro vakanta loko ĉu pro ampleksigo, kaj estis la Centra Komitato mem, kiu nomis iujn regionajn Voĉdonantojn ĉar la regionanoj ne faris tion.

Dume, la Komisio voĉdonita de la Kongreso sekve de la propono de S.ro Ludoviko Rodríguez Escartín, por starigi unikan esperantistan organizaĵon nacian, *sur la bazo de H. E. A., kiel konstatas la propono mem*, celis efektivigi la proponon, plenumi la komisiitan laboron; sed ĝi ne sukcesis, ĉar la ceteraj organizaĵoj celataj por fandi ilin kun H. E. A., rifuzis, ke la bazo de la nacia kaj unika organizaĵo de la hispanaj esperantistoj estu H. E. A., pro kio la Komisio sin turnis al la Centra Direktanta Komitato proponante aliam solvon laŭ kondiĉoj esprimitaj de la celataj organizaĵoj. Tiam la Centra Direktanta Komitato ne povis akcepti la novan solvon, ĉar ĝi, kiel rajtigita de la Kongreso por estri kaj direkti la Asoción, nur povas agi interne de

la Regularo kaj de la konkludoj voĉdonitaj de la Kongreso, kaj la proponitaĵo de la Komisio apartiĝis tute de tio, kion voĉdonis la Kongreso eĉ atencis la novan Regularon, kiun donis al si la Asocio antaŭ ol voĉdoni la proponon de S-ro Escartín. Pri ĉi tiu afero, ĉiuj sufiĉe bone konas, ĉar certe ĉiuj ricevis la aparte eldonitan presaĵon pritraktantan ĝin.

La Centra Direktanta Komitato faris laboron por kiel eble plej bone trafi la atenton de la Registaro kaj de la Nacia Patronaro por Turismo por havigi al la Asocio senpagan loĝejon; sed ĝi ne sukcesis, kvankam rezultis la espero trafi la celon ĉar la Nacia Patronaro por Turismo interesiĝis, kaj okaze de laboroj ĉe la prezidanto de la Registaro por plej granda subvencio al H. E. A. kompense de turisma senpaga laboro de H. E. A. al la Patronaro, ĉi tiu voĉdonis 2500 pesetojn por ke nia Asocio ilin dediĉu al turisma propagando, kies rezulto estis la mirinda libro «Santander», kiu mirigis ministrojn, prezidanton de la Patronaron kaj ĉi ties oficistaron, kaj ĉiujn kiuj ĝin ricevis. Ĉi tio aŭguras al ni plej vastan helpon de la Patronaro, kiu aukaŭ interesiĝis pri Universala Kongreso de Esperanto en Madrid, tiamaniere ke ĝi konsilis efektivigi kiel eble plej baldaŭ tiun Kongreson.

Ĉar S.ro Herriot, tiam prezidanto de la franca Registaro, vizitis Madridon, konsciinte H. E. A. ke ĉi tiu sinjoro helpas Esperanton en nia najbara nacio, la Centra Direktanta Komitato sin turnis al li per gratulantaj deziresprimantaj vortoj kaj sendis samtempe al lia edzino grandan belegan korbon da floroj.

Ĉar dank' al laboro de nia kunasociano, parlamentano Azorín, la ministro de Publika Instruado aldonis al la decidita de li subvencio por H. E. A. pliajn 5000 pesetojn por ampleksigo de la instruado de esperanto, la Centra Direktanta Komitato opiniis plej fruktodone decidi destini tiun sumon por pagi dek unu geinstruistoj plej bone sukcesintaj post rapidaj kursoj en Madrido, Bilbao kaj Zaragozo, kaj monhelpi ĉiun po 400 pesetoj, kondiĉe ke ili spertu kaj raportu poste al la Asocio, ke ili paroladu al geprofesiuloj kaj ekinstruu esperanton en siaj aŭloj por kio H. E. A. donacos la materialon. En Madrido, la fama institucio Ateneo interesiĝis pri la Kurso, kiun organizis la Pedagogía Fako de la Ateneo eldoninte por la plej bona propagando al la celo bonegajn cirkulerojn; kaj la Centra Direktanta Komitato konigis al la ministro kaj vicministro de P. I. la planon, kiun ili laŭdis. La C. D. K. sciigis al la aluditaj aŭtoritatuloj la celon ampleksigi la eksperimenton por la Kongreso en Stockholmo kaj, okaze de Universala Kongreso en Madrido por 1935, kunvoki la geinstruistaron de ĉiuj landoj al Internacia Pedagogia Konferenco por pritrakti enkondukon de Esperanto en la Lernejoj. Rezulto de ĉi laboro estis, ke ĉeestis la Kongreson de Kolonjo sep geinstruistoj de Madrido, du de Zaragozo kaj du de Bil-

bao, kies Provinca Deputitaro, stimulite de la tieaj samideanoj precipe de S.ro Allende, donis aukaŭ saman Monhelpon al alia instruisto, kaj du geinstruistoj (geedzoj) de Sevilla aliĝis al la ceteraj por partopreni la Kongreson. Ĉi tiu eksperimento cerke influos favore por ke la ministro de P. I. atentu kaj solvu laŭ konvenas al nia afero por ke estu reale efektiva la OFICIALECO DE LA MERITOJ PRO ESPERANTA KAPABLECO, stimulante tiel al lernado de esperanto, kiu tiel fariĝos utila, praktika, anstataŭ platona studo; ankaŭ certe estos stimulo al esperanta lernado la vojaĝo de la aluditaj geinstruistoj, kiuj, reveninte, fariĝos pioniroj de nia laboro, diskonigante ĉion viditan kaj spertitan dum la Kongreso kaj dum la vojaĝo ne nur al geprofesiuloj sed al siaj samronduloj kaj al la Ministerio. Ĉar H. E. A. donacis al ĉi tiuj instruistoj sufiĉan kvanton el lernolibretoj «¿*Qué es el Esperanto*?, ankaŭ H. E. A. donacis saman kvanton al ĉiuj geinstruistoj apartenantaj al ĝi kaj petintaj la lernolibretojn por instrui la lingvon en iliaj lernejoj. Al la sama celo enkondukanta esperanton en la lernejoj, la Centra Direktanta Komitato disvolvis laboron: profitante ke la Militista Centro por Kulturo eldonis la paroladon de nia prezidanto. «El Esperanto, lazo de Fraternidad Universal. Cómo lo sentimos los españoles. Masas esperantistas», kaj donacis al la parolinto 900 ekzemplerojn, H. E. A. sin turnis al ĉiuj hispanaj Parlamentanoj petante helpon al tiu enkonduko kaj al la esperanta movado, akompanante la peton kun la lernolibreto kaj la ekzemplero de la parolado, por ke, per ĉi tiuj, la Parlamentanoj bone konsciu pri la lingvo kaj pri la movado. Multaj Parlamentanoj respondis dankante kaj promesante helpon, iuj faris tion varme, entuziasme. Per ĉi tiu laboro, H. E. A. konsciigis la Parlamentanojn pri esperanto kaj trafis formi ilian opinion pri la afero.

La progreso de la Asocio estas klara, evidenta, pro la nombro da membroj supermezuranta la ciferon 700, el kiuj 512 estis pagantaj siajn kotizojn por ĉi jaro antaŭ ol finiĝi marto.

H. E. A. de la unua momento kunlaboradis starigi la novan tutmondan neŭtralan organizaĵon de la esperanto-movado, aliginte al ĝi ĉiujn siajn membrojn, kiuj estas fakte *simplaj membroj* de tiu organizaĵo sen elspezo ilia, kiun ili faros okaze voli aparteni al alia kategorio pagante tiel la diferencon inter la kotizo de *simpla membro* kaj tiu de la kategorio decidita. Jen, do, nova avantaĝo liverita kaj liverota de H. E. A.

Aukaŭ estis triumfoj de H. E. A.: likvidi sian IX Kongreson trafinte enspezi 106,85 pesetojn pli ol estis la elspezoj; ke la Madrida Urbestraro, en ĝenerala kunveno, decidis peti de la Internacia Centra Komitato la Universalan Kongreson por 1935 en Madrid; eldoni fine

la Terminologion de S.ro Azorín, «La Kreitaj'n Profitoj'n» de Benavente (2000 ekzemplerojn), la du unuajn deksespaĝajn kajerojn de Temaro tute en esperanto. Kiu entenos la tekston de la Helpanta Temaro krom multenombraj historietoj kun karikaturaj bildoj, ĉar la aŭtoro senpage cedis siajn rajtojn al la Asocio; 2000 Regularojn de la Asocio kaj de ĝiaj Kongresoj; 3000 ekzemplerojn de la libro «Santander». Preskoste preskaŭ liveras al siaj membroj siajn librojn H. E. A., kaj al tiuj pagintaj laŭ specialaj kondiĉoj la librojn «Mia Poezio» kaj «La Kreitaj Profitoj», la Asocio liveros senpage la BES-Adresaron tuj de post la ricevo, liverante tiel novan avantaĝon, kiu estis anoncata ĝustatempe por ke ĉiuj egale ĝin profitu. Sed ankaŭ H. E. A., pro cedo kondiĉigita de la Centra Direktanta Komitato, havigis al si proksimume 5000 broŝurojn, proksimume 20 kompletajn kolektojn de «Hispana Esperantisto», multenombrajn kolektojn kompletajn de gazetoj, multenombrajn gazetojn kaj librojn, presaĵojn pri turismo, k. c. La 5000 broŝuroj kaj 20 kolektoj de «H-E» supozas havigi monon al la Kaso de la Asocio, ĉar ili estas por vendado, kies profito estos duone por la kaso de H. E. A. Estis mem la Centra Direktanta Komitato kiu starigis la kondiĉon ricevi po duone la enspezon de la vendado laŭ dirite, rifuzinte la tute absolute senpagan cedon. Kaj kiel jam antaŭe la cedinto estis faranta propagandon por la vendado al naciaj Asocioj kaj al la Internacia Centra Komitato de la Esp-Movado, starigante malkaran libroservon, la Holanda Asocio ĵus mendis 50 kompletajn kolektojn (ĉiu kolekto konsistas el *ses* malsamaj libroj), pro kio la aludita Asocio pagos 100 svisajn frankojn, el kiuj H. E. A. ricevos la duonon, elpruvante tiel ke nia Asocio jam komencis ricevi utilon per la grava cedo.

Ĉar la starigo de la tutmonda neŭtrala esperanta fronto postulas esperante maŝinskribite la tutan dokumentaron, H. E. A. estis devigata aĉeti skribmaŝinon; kaj tial ke la laboro de la Oficejo multobliĝis eksterordinare, estis necese dungi novan oficiston; la oficistoj faris: membrokartaron por la Sekretariejo; ampleksigis tiun de la trezoristo; faris alian sufiĉe malsimplan kun 700 membrokartojn duoblajn ĝis nun kaj la karnetojn kaŭze de la tutmonda nova organizaĵo (mankas distribui iujn karnetojn ĉar la Oficejo ne ricevis sufiĉajn; skribis proksimume 470 leterojn por la Parlamentanoj kaj altranguloj, krom la ĉiutaga laboro; tiom da listoj, kiom da provincoj, por enfakigi province la membrojn de la Asocio; ĝeneralan liston por publikigo en la gazeto; malfermis dokumentaron al multenombraj membroj, daŭrigante ĉi tiun laboron; faris pli ol ducent kartojn por la BES-Adresaro.

H. E. A. sin turnis al la prezidanto de la Registaro petante oficialan reprezentanton por ĉeesti la XXV[a] Kongreson en Kolonjo; pro-

ponis per peto al la Prezidantoj de la Respubliko kaj de la Registaro kaj al la Ministro de P. I., respektive, la tri honorajn prezidantecojn por nia X$^{a}$ Kongreso.

Interkonsente kun la Franca Societo por Propagando de Esperanto kaj kun aliaj organizaĵoj, H. E. A. laboris por varbi kiel eble plej multenombrajn samideanojn por la XXV Kongreso en Kolnjo, eldoninte 5000 propagandcirkulerojn al tiu celo, atinginte rabaton de la fervojaj Kompanioj al tiu Kongreso kaj same al nia X$^{a}$.

Eldirita estas la laboro farita de la Centra Direktanta Komitato en kunlaborado kun la regionaj Voĉdonantoj, el kiuj eĉ nek unu sola en iu okazo sendis eĉ amendon al iu akto; kaj se iam regiona Voĉdonanto proponis siavice iom, kiel faris S-ro Azorín, proponante helpi germanan samideanon Ajo, pro lia propagandlaboro, per 500 pesetoj, la Centra Direktanta Komitato akceptis la proponon, kaj konigis ĝin al ceteraj regionaj Voĉdonantoj per ĝustatempa sendado de la akto por aprobo rifuzo aŭ amendo. Vi, do, diros ĉu la Direktanta Komitato plenumis aŭ ne plenumis siajn devojn, ĉu la laboro efektivigita estis efika aŭ ne; kaj ni atendas vian juĝon, vian konkludon kun trankvila konscienco.

Madrid, Augusto de 1933.—La Prezidanto, *J. Mangada Rosenörn*.—La Sekretario, *Mariano Mojado*.

---

## SOBRE LA OFICINA DE H. E. A.

Intensa fué y sigue siendo la labor desarrollada por el personal de nuestra oficina, reflejándose con ello la actividad de la Asociación y su firme organización: se ha hecho un fichero para Secretaría; la ampliación extraordinaria, por el gran crecimiento del número de miembros, del de Tesorería; otro, complicadísimo por lo detallado, compuesto de 675 fichas duplicadas para Universala Federacio Esperantista, y los carnets de ésta, ya distribuídos y a falta de unos cuantos por no haber alcanzado a todos el material recibido; se han dirigido, escritas a máquina una a una, 460 cartas a los Diputados a Cortes, acompañadas de documentación para que conozcan cuánto es y puede ser el Esperanto; se están redactando tantas relaciones de miembros de H. E. A. como provincias españolas existen, para conocer al día el número y nombre de los asociados por provincias; se está confeccionando una lista general de *heaanos* para publicarla en la revista; se extendieron cerca de 250 fichas para el *BES-Adresaro*; se abrió expediente personal a la mayor parte de los miembros que hoy son, continuándose esta labor, sin que por nada se interrumpa la diaria de correspondencia. envíos de material, etc.

## ASOCIACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

**Balance de fondos correspondiente al 2.º trimestre de 1933**

| | PESETAS |
|---|---|
| *CARGO* | |
| Existencia en metálico en 31 de marzo de 1933........... | 14.752,58 |
| Venta de obras, folletos e insignias........................ | 62,65 |
| Cuotas de socios.................................................... | 177,55 |
| *Suma el cargo*................. | 14.992,78 |
| *DATA* | |
| Alquiler de casa (320 pesetas) y gratificación a la portera (30 pesetas), por limpieza del cuarto...................... | 350,00 |
| Giro de 118 francos suizos, por 236 suscripciones al BES-Adresaro ................................................ | 271,55 |
| Idem de 124,50 francos suizos, por cuotas de U. F. E. | 291,01 |
| Factura de J. Zugasti, por una máquina de escribir, sistema ADLER, modelo 32, y mesa.................... | 950,00 |
| Facturas de Chulilla y Angel, por trabajos de imprenta... | 1.665,00 |
| Grabados para la revista y para el libro «Santander»...... | 778,05 |
| Gastos menores, incluídos efectos de escritorio, timbres móviles y de franqueo, pólizas y luz eléctrica......... | 271,71 |
| Giro de 800 pesetas a D. Víctor O. de Allende, de Bilbao, para dos becas de maestros nacionales que habrán de asistir al Congreso de Colonia.............. | 801,00 |
| Factura de Pedro López, por una anaquelería........... | 150,00 |
| Subvención, por propaganda en España, al súbdito alemán S-ro. Ajo................................................... | 500,00 |
| Gratificaciones del personal de la Secretaría.............. | 360,00 |
| *Suma la data*................. | 6.388,32 |
| *Existencia en metálico en 30 de junio de 1933...* | 8.604,46 |

Madrid, 30 de junio de 1933.—El Tesorero, *Julián Sosa*.—Intervine: El Secretario, *Mariano Mojado*.—V.º B.º: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

# CURIOSA COINCIDENCIA LITERARIA

(*La «Patraña 14.ª» de Timoneda*)

Una prueba más de la inmensa importancia del Esperanto en el campo de la Literatura, especialmente de la Literatura comparada, se nos presenta con motivo de la publicación de la «Patraña», de Timoneda, aparecida en el número de abril último.

En una nota, al pie de dicha traducción, indicaba haber leído, cuando aprendía Esperanto, un cuento popular ruso de idéntico argumento, y rogaba a los samideanos que me comunicaran datos acerca de dicha obra.

Ruego de tal naturaleza, tratándose de esperantistas, no había de caer en el vacío; y, en efecto, por mediación de la Redacción de HISPANA ESPERANTO-GAZETO recibí a los pocos días una postal del eminente samideano Klein Miklós, secretario de Hungara Esperanto-Societo, que, traducida, dice así:

«En el número 24 (abril) leí la «Patraña» de J. de Timoneda. En seguida me asombré al leer en ella un cuento popular húngaro muchas veces centenario. El protagonista del húngaro es el rey Matías, que vivió de 1440 a 1490.

El cura de una aldea próxima a la capital encuentra una antigua carta de fundación, según la cual su aldea Cinkota fué en otro

# PRI HUNGARA KAJ HISPANA FABELO

(*La 14ª Mensogaĵo de Timoneda*)

Nova pruvo de la nemezurebla graveco de Esperanto en la Literatura kampo, ĉefe en tiu de la kompara Literaturo, prezentiĝas al ni okaze de la publikigo de la «Mensogaĵo» de Timoneda, aperinta en la aprila numero de HISPANA ESPERANTO-GAZETO.

En suba noto de tiu traduko, mi diris esti leginta, kiam mi lernis Esperanton, «rusan popolan fabelon, pri egala enhavo, kaj mi petis la gesamideanojn, ke ili komuniku al mi datojn pri tiu verko.

Tiaspeca peto, ĉar ĝi rilatas al esperantistoj, ne povis fali en silentputo, kaj sekve; pere de la Redaktejo de HISPANA ESPERANTO-GAZETO mi ricevis, kelkajn tagojn poste, poŝtkarton de eminenta samideano Klein Miklós, sekretario de Hungara Esperanto-Societo, kiu tiel diras:

«En la 24ª (aprila) numero mi legis la «Mensongaĵon» de J. de Timoneda. Mi tuj ekmiris legante multcentjaran hungaran popolfabelon en ĝi. La ĉefpersono de la hungara estas reĝo Matiaso, kiu vivis 1440-1490.

Pastro de apudĉefurba vilaĝo trovas malnovan fondleteron, laŭ kiu sia vilaĝo (Cinkota) estis iam

tiempo abadía, y pidió al rey que le regalase la dignidad de abad. El rey hizo tres preguntas:

1.ª ¿Por dónde sale el sol?
2.ª ¿Cuánto vale el rey?
3.ª ¿Qué piensa el rey?

En lugar del cura respondió el cantor así:

1.ª El sol sale, para la real Majestad, en Buda; para mí, en Cinkota.
2.ª 29 piezas de oro.
3.ª El rey cree que habla con un cura, pero, en realidad, con un cantor de Cinkota.

El rey permitió al cantor un deseo, que él concede irremisiblemente: que la «itce» (medida para el vino) sea doble en Cinkota como en otros lugares.

El rey lo ordenó, y desde entonces es doble la medida allí (pero, naturalmente, también el precio).

Aún existe una taberna titulada: *A cinkotai nagy itcéhez* (A la gran medida de vino de Cinkota).»

Hasta aquí, la interesante información comunicada por el señor Klein Miglós. Ahora bien: ¿quién fué el imitador?

La obra de Juan de Timoneda apareció, según los más fidedignos datos, en 1566, o sea un siglo después de la vida del famoso monarca húngaro; por otro lado, las relaciones políticas entre España y el imperio Austro-Alemán, por una parte, y Hungría y dicho imperio, por otra, eran en aquella época estrechas y fre-

abatejo, kaj li petis la reĝon donaci al si la abatan moŝtecon. La reĝo faris tri demandoj:

1ª Kie leviĝas la suno?
2ª Kiom valoras la reĝo?
3ª Kiom pensas la reĝo?

Anstataŭ la pastro respondis la kantoro jene:

1ª La suno leviĝas por la reĝa Moŝto en Buda; por mi en Cinkota.
2ª 29 orpecojn.
3ª La reĝo kredas ke li parolas kun pastro, sed vere kun kantoro de Cinkota.

La reĝo permesis al la kantisto unu deziron, kion li nepre plenumas. La *itce* (mezuro por vino) estu duobla en Cinkota kiel en aliaj lokoj.

La reĝo ordonis tion, kaj depost tiam estas duobla la mezuro tie (sed nature ankaŭ la prezo).

Eĉ nun ekzistas drinkejo nomita: *A cinkotai nagy itcéhez* (Al la granda vinmezuro de Cinkota).»

Jen tie la tre interesa informo komunikata de S-ro. Klein Miklós. Nu, kiu estis la imitinto?

La verko de Juan de Timoneda aperis, laŭ plej fidindaj sciigoj, dum 1566, tio estas unu jarcento post la vivo de la fama Hungara monarko; aliel, la politikaj rilatoj inter Hispanujo kaj la Austria-Germana imperio je unu flanko kaj inter Hungarlando kaj tiu imperio je alia flanko, estis tiam vastaj kaj oftaj. Ankaŭ

cuentes. Está, además, demostrado que de las «patrañas» que constituyen la obra del autor español, sólo una es original; a las demás se les ha encontrado fácilmente la genealogía, que es, por cierto, bien variada, pues hay argumentos tomados de Herodoto y de Apolonio; de la «Gesta Romanorum» y del «Orlando Furioso» de Bocaccio y de Giovanni Florentini. No tengo a mano la obra del crítico alemán Liebrecht, que es el que mejor podría ilustrarme en este asunto; pero me inclino a creer que fué Timoneda el que adaptó al castellano el cuento popular extranjero, con la sola variante de la primera pregunta.

Pero, a su vez, el cuento ruso a que aludí, ¿se inspira en el húngaro, o viceversa? Porque la pregunta sigue incontestada: recuerdo perfectamente que se trataba de un cuento popular ruso, que contenía también tres preguntas, dos de ellas, las que son iguales en el húngaro y el español, a saber: «¿Cuánto vale el rey?» y «¿En qué piensa el rey?», y la otra, que creo ocupaba también el primer lugar, era:

—Qué distancia hay de la tierra al cielo?

A lo cual responde el enviado un número muy grande, y como el rey muestra su incredulidad ante aquella caprichosa cantidad, el primero añade:

—Hágala medir su Majestad

estas pruvate ke el 20 «Mensogaĵoj» el kiuj konsistas la verko de la Hispana aŭtoro, nur unu estas originala; por la ceteraj oni facile trovis ilian genealogion, kiu estas certe tre diversa. Estas fabeloj prenitaj el Herodoto kaj el Apolonio; el la «*Gesta Romanorum*» kaj el «*Orlando Furiozo*» el Bocaccio kaj el Giovanni Florentino. Mi ne havas apudmane la verko de Germana kritikisto Liebrecht, kiu plej bone povus min sciigi pri tiu afero; sed mi kredas ke estis Timoneda kiu alprenis al Hispana lingvo la papolan fremdan fabelon (kaj ne kontraŭ), kun la nura ŝanĝo de la unua demando.

Sed, siavice, la rusa fabelo, al kiu mi aludis, ¿inspiriĝas en la Hungara aŭ kontraŭe? Ĉar la demando restas ne respondita: mi perfekte rememoras, ke ĝi temis pri rusa popola fabelo, kiu ankaŭ enhavis tri demandojn, du el ili, tiuj ankaŭ egalaj en la hungara kaj en la hispana; nome: «Kiome valoras la reĝo?» kaj «Kion pensas la reĝo?», kaj la tria, mi kredas ke ĝi ankaŭ okupis la unuan lokon, estis:

—Kia distanco estas el tero al ĉielo?

Al kiu la sendito respondas grandegan numeron, kaj ĉar la reĝo elmontras sian nekredemon pri tia kaprica kvanto, la unua aldonas:

—Via reĝa Moŝto ordonu ke

y comprobará la exactitud de lo que digo.

Claro que no puedo precisar las palabras; pero esa es, en concepto, la respuesta.

El cuento ruso a que me refiero debí de leerlo entre los años 1911 a 1914.

Aprovecho esta ocasión para dar gracias, en nombre de todos los esperantistas aficionados a estas cuestiones, y en el mío propio, al Sr. Klein Miklós, cuya amabilidad me ha permitido este incompleto estudio folklórico-literario.

A. N. D.

oni ĝin mezuru kaj vi konstatos la ekzaktecon de mia diro.

Certe, mi ne povas certigi la vortojn; sed tiu-ĉi estas la senco de la respondo.

La citatan rusan fabelon mi devis legi dum la jaroj 1911-1914, proksimume.

Mi profitas tiun okazon por danki, en la nomo de ĉiuj ge-esperantistoj de tiaj aferoj amatoroj, kaj en la mia propra sinjoron Klein Miklós, kies gentileco permesis al mi tiun ne kompletan folkloran-literaran studeton.

A. N. D.

## GRAVA SUKCESO

Tre grava sendube estas la partopreno de dekdu geinstruistoj en la XXV Universala Kongreso en Köln; tiel konsideris la aferon, je la tagoj, kiam ni sciigis la planon, la Internacia Organizaĵo de Esperantistaj Instruistoj.

Kvankam iuj aŭguris malsukceson opiniante la monhelpon malgranda, la kursetoj kaj rezultato ilia elpruvas la malon, kaj la plej grava kaj rimarkinda rezultato estas la granda entuziasmo, la fervoro, de la dek du geinstruistoj kaptitaj profundkore de la animo de ESPERANTO. Ni povas aŭguri tutcerte ke ĉi tiu paŝo en nia movado estos fruktodona.

Jen la listo el la premiitoj:

S-rino. Luisa García Rodríguez; Madrid.
F-ino. Natividad Salgado; Bilbao.
F-ino. Justa Guerrero; Madrid.
F-ino. María del Rosario González; Madrid.
S-ro. Emilio Gazapo Abello; Madrid.
S-ro. Pedro Castilla; Madrid.
S-ro. José A. Utande; Madrid.
S-ro. Serafín Carrasquer; Madrid.
S-ro. Emilio Antón López; Bilbao.

S-ro. Amparado Simón; Bilbao.
S-ro. Julián Nieto; Zaragoza.
S-ro. Joaquín Larumbe; Zaragoza.

La provinca Deputitaro de Vizcaya donis la monhelpon al S-ro. Amparado Simón. Ankaŭ aliĝis al la madridaj geinstruistoj aliaj du el Sevilla, geedzoj, S-ro. Emilio Ramírez Valiente kaj S-ino. María Amorós, kvankam ili ne konas esperanton.

Dum ni verkas ĉi tion ili sin preparas entuziasme al la vojaĝo; dum vi legas ĉi tion ili certe estas jam spertintaj la praktikon kaj utilon de esperanto. Certe same, kiel en Madrido, okazas en Bilbao kaj Zaragoza, ke la geinstruistaro scivoleme, tre interese, atendas la revenon kaj la raportojn pri la vojaĝo. Ke ili ĝuu, ĝoju, bone spertu kaj revenu feliĉe plenkontente deziras Hispana Esperanto Asocio.

## X KONGRESO DE H. E. A.

No habiéndose presentado proposición alguna para ser tratada y resuelta en el Congreso, éste se desarrollará conforme a lo dispuesto en el Reglamento de los Congresos distribuído a los miembros de H. E. A. formando parte del folletito con los Estatutos de nuestra Asociación; así, pues, las sesiones de trabajo no se ocuparán de otros asuntos que de los determinados por el párrafo primero del artículo 7.°, y de aquellos asuntos que estén comprendidos en el artículo 20, por figurar en proposición o proposiciones incidentales, practicando cuanto en dicho artículo se estipula.

## Xa Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio

### Santander, 20-24 Aŭgusto 1933

### LISTO DE ALIĜINTOJ

*(Daŭrigo)*

N-ro 66. S-ro. Pedro Castilla, Madrid.
» 67. S-ino Rosario González Fernández, Madrid.
» 68. S-ro. Emilio Gazapo Abelló, Madrid.
» 69. S-ro. Angel Medialdea, Madrid.
» 70. S-ro. Florencio Barandiarán, Madrid.
» 71. S-ro. José María Coll, Barcelona.
» 72. F-ino. María Franco, Madrid.
» 73. F-ino. Josefina Franco, Madrid.
» 74. Centra Madrida Grupo.
» 75. S-ro. Luis La Iglesia, Madrid.

## SEKVOJ DE LA AGADO DE H. E. A.

Estas rimarkinde konstati, kiel laboro de H. E. A. influas eksterlandajn rondojn por favore pritrakti esperanton kvankam la sintenado al nia afero ne estas simpatia. La jugoslava nacia gazeto «Politika» de la 29ª de aprilo ĵus pasinta, aperanta en Belgrado, kaj kiu ne estas tre favora al esperanto aperigis la jenon: «La hispana Registaro aprobis subvencion en alteco 5.000 pesetoj al la Hispana Esperanto-Instituto por organizado de oficialaj Esperanto-kursoj. Oni agadas ankaŭ je tio, ke Esperanto fariĝu deviga instruobjekto en hispanaj lernejoj.» Ĉi tio helpas la agadon de niaj jugoslavaj samideanoj, kaj ili sin turnis al ni por scii ĝuste pri la afero, ĉar la novaĵo tre kontentigis ilin, precipe ke ĝi estu publikigita en tiel grava nacia ĵurnalo kaj tiel disvastigita en la tuta lando. Tial H. E. A. havas denove motivon por ĝoji.

---

## ENLANDA KRONIKO

*Zaragoza.*—Grupo el internaciaj amikoj, sendependaj rilate al la malsamaj emoj de sociaj ideologioj; sed de antaŭgvardia ideologio; fervoraj entuziasmuloj de nia kara, bela kaj klara helplingvo ESPERANTO kaj sinceraj amantoj de la vera tutmonda paco, estas eldonintaj (sen profito ies. kompreneble!) kun la efika monhelpo de la samideanoj, kiuj formas la diversajn esperantistajn societojn de Zaragoza (Hispanio), 128.000 glumarkojn por Paco kaj Esperanto, dektrilingve kaj kvarkolore. Tiu-ĉi eldono (128.000) jam estas disdonita inter la Zaragoza esperantistaro.

Tiu-ĉi grupo sin nomis «ESPERANTO KAJ PACO» por la interrilatoj kun la tutmonda esperantistaro.

Celante propagandi kiel eble plej vaste la idealojn de Paco kaj Frateco internacia, oni estas volintaj alporti sableron al la komuna ago de Paco, eldoninete tiujn glumarkojn.

Estus por «E. P.» granda plezuro ke, la eldonoj de tiuj glumarkoj plimultiĝus, ĉu estante kopiitaj, kaj pro tio reeldonitaj (kondiĉe ke, neniu enspezu por si) aŭ ĉu «E. P.» prenus sur sin aliajn eldonojn. Laŭ la lasta «E. P.» povus sendi al vi milon aŭ milojn da glumarkoj po 1'60 pesetoj ĉiu milo (antaŭpage), rekomendite kaj sensendpage. Oni estas eldonanta aliajn 200.000 glumarkojn, litografie.

Se vi ne trovus la tekstojn de via nacia lingvo, bonvole sendu al «E. P.» tradukitaj en via lingvo la jenon:

1.ª «FOR LA MILITON!»
2.ª «LERNU ESPERANTON!», kaj
3.ª «LERNU ESPERANTON, LA SOLAN PRAKTIKAN LINGVON INTERNACIAN!»

kaj tiamaniere «E. P.» faros reeldonon kun la novaj tekstoj, litografie.

Informon pri «ESPERATO KAJ PACO» ĉe Esperanta Laborista Grupo», Plaza San Carlos, 3, pral. dcha., kaj ĉe «Frateco», str. Roda, 14-16, pral., Zaragoza (Hispanio).

Esperante esti atentataj de vi, salutas vin «ESPERANTO KAJ PACO».

«Esperanto Laborista Grupo» ĵus eldonis interesan flugfolion kompletan pri Esperanto kun skemo pri ĉio el la lingvo: alfabeto, konjugacio, k. t. p. Trafanta propagandskribaĵo entenas ĉiajn necesajn klarigojn por interesigi. La Grupo kursigas en Ateneo Literario (Plaza San Carlos, 3), en Ateneo de Divulgación Social de las Delicias (Av. de Madrid, 82), en Ateneo Racionalista de Torrero (str. Puente Virrey, 4), en Ateneo Popular de Hernán Cortés (str. Virtud, 4).

*Valencia.*—Por festi la duan datrevenon de la fondiĝo de la Grupo Laborista Esperantista (Horno del Hospital, 12, 1.º) vendredon 14an de julio, okazis, je la 9 h. kaj 30 m. de la nokto, grava ferto, konsistante el paroladeto de la prezidanto de la Grupo, S-ro. Ludoviko Hernández pri la kialo de la festo; el drama epizodo pri la Pariza revolucio je 1871 titolita «La Versalja Kaptito», en esperanto; el la proleta komedio tradukita el esperanto, titolita «La Polilla» kiujn bonege ludis la amatora aktoraro de la Grupo; el propaganda parto partoprenita elokvente kaj interese de barcelona samideano kaj de S-ro. Azorín, el Córdoba. La rezumon faris tre trafe la prezidanto de la Grupo. Estis eldonataj belaj invitiloj kun la programo kaj multenombraj diverskoloraj anoncfolioj.

*Gijón.* — Astura Esp-Asocio, la 4an de junio lasta, festis sian XXIVan Pentekostan datrevenon. Unue okazis meso kaj sekve la samideanaro fakiĝis laŭ infanoj, junuloj kaj plenaĝuloj por fari fotojn. Ne mankis festeno sufiĉe multenombre ĉeestita kaj en plena kontento kaj ĝojo. La prezidanto faris bonan paroladon pri kio estas esperanto, pri ĝia gramatiko kaj pri ĝia vortaro, pri la facileco lerni tiun, sed pri la neceso havigi al si la duan per konstanta studado. Li atentigis

la aŭskultantaron por ke neniu atentu tiom da cirkuleroj kiujn oni ricevas pri *nova, facila, internacia lingvo.*

Nokte estis ankaŭ teatraĵoj luditaj de la samideanaro kaj iuj recitadoj de la junuloj; kaj fine, oni projekciis la filmon de la Esp-Kongreso de Oviedo, je 1929.

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Rusio.*—En Moskvo, la loka esper-komitato kun la urba sindikataro laboras vigle; kursoj disvolviĝadas en kelkaj uzinoj; esper-rondetoj funkciadas en la Domo de la Sindikatoj; la Komitato de Sindikatoj donis 8.000 rublojn kiel jaran subvencion al Esperanto disponigante senpage ĉion por amaskunvenoj de esperantistoj kaj por ekspozicioj de esperantaĵoj.

En Leningrado la unuigita Esper-Komitato per populariga laboro vigle kaj sukcese agadis. En la du domoj de kulturo en Vyborga kaj Narvska regiono oni instalis bonaj esper-kursojn, la lastan partoprenas 100 lernantoj.

La afero same bone marŝadas en Ukrainio. En Ĥarkovo, ĉe la trusto «Donelektrosset», oni organizis rondeton por inĝenieroj kaj teknikistoj, speciale en la teknika fako; en Kremenĉug, malnova esperantisto I. Izgur faris gravan laboron: esperanto-rondetoj, kursoj, ekspozicioj, internacia interkorespondado, estis entreprenitaj, kaj vidigas la sukceson la 13.400 sendaĵoj ekspedataj eksterlanden. Ankaŭ apud la landlimo flirtas la verda flago. En Orinim, pure hamparana regiono estas farita granda laboro spite de la penado postulita, kaj ĉe ĝi, la unua letero ricevita el Germanujo kaŭzis grandan intereson kaj stimulis por vigle daŭrigi la esper-laboron.

Krimeo ne malpli sukcesas: en Jalta eĉ la loka ĵurnalo «Udarnik» ofte jam publikigas tekstojn ricevitajn per Esperanto.